# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 12/04/2018 Tricentsesdeknaŭa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

**reta-vortaro** *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* *Google Translate* *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,650,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,300,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Ekstudis pli ol 347,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 23 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



PAG nomas kaŭzativo (=faktitivo) ankaŭ la verbon "lasi", kiu signifas "ne malhelpi ke io okazu". Teorie oni povus uzi ankaŭ "-lasi" kiel sufikson, do en sinteza formo, ekz. "Ŝi forirlasis lin" por "Ŝi lasis lin foriri", sed la Esperantistoj, nek Zamenhof, ne kuraĝis aŭ ne ŝatis uzi tiajn esprimojn, verŝajne ĉar "-las-" ne kreatis kiel sufikso. Oni povas uzi, kiel teorie ĉiujn transitivajn verbojn, "lasi" ankaŭ kun pasiva infinitivo, ekz. "Ŝi lasis ĝin transportati al ŝia domo" kaj "Li lasis sin trompati". Por la lasta frazo PAG erare asertas, ke oni povas diri "Li lasis sin trompi", kio kontraŭe signifas, ke li permesis al si trompi iun. La nura alternativo estas "Li lasis (iun) trompi lin", klara sed ne kutima. PAG mencias ke "lasi" povas uzati kun adjektiva predikativo, kiel en "Ŝi lasis la tason malplena". Fakte KAJ adjektivo KAJ infinitivo ĉe la izolaj "igi" kaj "lasi" estas (objektaj) predikativoj.




*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 7a de Aprilo estis la unua sabato. Venis kvar anoj. Roger Springer, Chris Holliss, John Casey kaj Ian Wylles.



La fidela grupeto babiladis dum la sabata mateno kaj tio kiel ĉiam estas bone amuza.

*chris holliss*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# John Abood ??

Karaj samideanoj,

Mi ŝatas kontakti John Abood. Ĉu iu povas doni al mi lian kontakton?

*Katja Steele* (katja.steele@gmail.com)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri la dua Trilanda Kongreso



Mi ĉeestis la duan Trilandan Kongreson en Bekasi Indonezio kaj ĝuis la sperton, speciale la diversajn kaj interesegajn prelegojn. Dum la prelegoj mi skribis kelkajn notojn. Mi decidis igi vin ĉiujn ĝui kun mi, unu el la interesaj prelegoj.

Pli da informoj venos, mi esperas. Amike, *Helen Palmer*



Mark Schmidt, esperantisto de Darvino kaj instruisto de la progresantoj dum tiu kongreso, prelegis pri "**Operacio Elefanto**", pri kiu mi neniam antaŭe aŭdis. Eble vi ciuj ankaŭ?

Usono forte atakis Japanion en 1942, la japanoj tiam planis venĝon. Ili konstruis 9,300 ne kutimajn bombojn. Fakte la bomboj pendis sub balonoj. La diametro de la balonoj estis 10 metrojn longa kaj ili estis plenigitaj de hidrogeno. Ofte la balonoj estis faritaj el kvadrataj pecoj de paperoj, kungluitaj de junaj lernantinoj. La plano, nomita Operacio Elefanto, estis uzi la ventojn kiuj forte blovas de okcidento ol oriento super la Pacifika Oceano, por transporti la balonojn (kun la pendantaj bomboj) de Japanio ĝis la okcidenta parto de Usono. Distanco de proksimume 7,000 kilometroj.



Kaj kio okazis? Fakte, ĝis nun homoj malkovris nur 285 de tiuj bomboj kiuj falis sur la Amerika kontinento (eble la aliaj falis en la maron?) en Usono (inkluzive en Havajo kaj Alasko), Kanado kaj Meksiko.

La bomba parto estis farita de 2 partoj: 1. bruliga parto, 2. hom-mortiga parto.

La intenco estis bruligi arbarojn ktp. Tio fakte ne okazis. Entute, nur sep homoj mortis per unu bombo, kiam ili piknikis, esploris la ĉirkaŭan arbaron kaj tuŝis ĝin. Kelkaj de la bomboj estis

malkovritaj nur 20 jarojn poste. Se vi ŝatus lerni pli pri tiuj bomboj, kontaktu Mark aŭ/kaj legu la libron de Richard Flanagan. " *Foreign Devil*".



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 8-an de Aprilo dek unu homoj (inkluzive de du komencantoj, unu gasto de Tasmanio, kaj unu Esperantisto kiu lastatempe translokiĝis al Melburno) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 9-an de Marto ok homoj (inkluzive de unu komencanto) kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis, tradukis kelkajn malfacilajn frazojn kiujn Marcel trovis en *The Age* kaj ludis vortludon.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 15-an de Aprilo je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 16-an de Aprilo je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1084 Instagram – 154

Facebook – 377 Telegram – 19

Twitter – 389

*Joanne Johns*



# Sekeco mortigas en mia ĝardeno.

**ĈU ADVERBO AŬ ADJEKTIVO ?**



Ĵusosemajne ni montris, ke propozicio (= *sentence*) reprezentas la kvar diversajn elementojn de bildo: **1e**. la subjekto, **2e**. la predikato (= verbo sola aŭ kun kvalifikanto), **3e**. la eventuala objekto, kaj **4e**. la eventualaj adjektoj. Ne pli! “La viro batis la hundon hieraŭ en la parko”. En la etnaj lingvoj oni ofte klasifikas la diversajn adjektojn en specialajn gramatIkajn “kazojn”: instrumentalo, dativo, nerekta objekto, k.t.p. En Esperanto ni simpligas la regulojn gramatikajn kaj la kazojn al du: nominativo kaj akuzativo. P.A.G. ŝatas uzi la etnan klasifikadon komplikan ankaŭ por Esperanto, sed nur kiel sciencan ekstraĵon. Mi preferas tute ellasi tiun multklasan klasifikadon, ĉar ĝi en Esperanto estas neesenca kaj neutila, ĉar ĝi ŝanĝas nenion en la aplikado de la gramatiko. Nur gravas la divido en nominativon, sen la finaĵo “-n”, kaj akuzativon, kun la finaĵo “-n”, kie eblas. Estas necesa observi, ke ĉiu el la kvar partoj de la bildo kaj de la propozicio havas kernvorton, kaj ke tiu kernovorto estas substantivo en la subjekto kaj en la objekto, verbo kun finaĵo –as, -is, -os, -

us, aŭ –u en la predikato, kaj adverbo aŭ adverba prepozitivo en la adjekto. Kontraŭe al la logiko, sed bonŝance por la praktiko, la prepozitivoj ja funkcias AŬ kiel adjektivo AŬ kiel adverbo.

En la subjekto kaj en la objekto, kaj eĉ kelkfoje en la prepozitivo, la kernvorto povas esti infinitivo, aŭ adjektivo, aŭ adverbo, aŭ plena aŭ reduktita suborda propozicio, subfrazo. Sed en ĉiuj ĉi tiuj kazoj la karaktero de la kernvorto estas substantiva. Jen ekzemplo por pruvi tion: "Piediri pli rapide estas nun necesa. Kio (NE "kia" aŭ "kiel") estas necesa?". (Notu ke konsekvence la etnaj lingvoj inteligente uzas "necesa", ne "necese"). Konsekvence en Esperanto ĝustas nur diri ""Estas necesa piediri", ne la Zamenhof'a "necese" rekomendita de li. Sed ĉar Zamenhof kelkfoje uzis en tiaj kazoj la adjektivon (ekz. "Ili juĝas lin malĝusta"), ni rajtas esti logikaj kaj ĉiam uzi en tiaj kazoj la adjektivon. Se ni uzas la adverbon, ni estas mallogikaj, kion ni en Esperanto ne volas esti.

En la ĉi supraj kazoj temas pri subjektaj kaj objektaj predikativoj rilatantaj al infinitivo aŭ subfrazo kiel kerno de la subjekto aŭ de la objekto. Venontsemajne mi traktos pli profunde pri tiaj predikativoj , kiuj estas nenecesa kaj malsimpla sistemo sed komuna en eŭropaj lingvoj, kaj tial ankaŭ en Esperanto. *Marcel Leereveld.*

**KONFESOJ.**

Dum la malpostaj (= antaŭaj) sepdek jaroj mi laboris por havi senmilitan mondon, aŭ almenaŭ mi pensis ke mi laboris por senmilita kaj demokrata mondo. Mi komencis, pro mia patro, kiel anarĥiisto. Anarĥiistoj ne faras militojn, ĉar ilia devizo estas: Ĉiu donas al la socio kion ŝi/li povas, kaj ĉiu prenas el la socio kion li/ŝi bezonas. Tio tamen povas okazi nur, se ĉiuj homoj estas honestaj kaj helpemaj, sed multaj anarĥiistoj konstatis, ke pro la malbonaj nunaj kaj malpostaj (= antaŭaj) sociformoj la homoj alkutimiĝis esti malhonestaj kaj egoismaj. Do, ankoraŭ junulo, mi fariĝis marksisto por tiel labori por senmilita mondo. Ankaŭ tio ŝajnas utopio, ĉar oni devas, por gajni senmilitan mondon, militi kontraŭ la armilfabrikoj kaj kontraŭ la registaroj, kiuj per armiloj defendos la armilfabrikojn. En Aŭstralio mi dum kelkaj jaroj estis membro de la por-kapitalisma Laborpartio, por tiel labori por senmilita mondo. Sed iama ĉefministro Blair de la brita Laborpartio faris (malĝustan) militon en Irako. Kaj la iama nederlanda ĉefministro Drees, membro de la nederlanda Laborpartio kaj Esperantisto, faris (malĝustan) militon kontraŭ la indonezia sendependiĝo for de Nederlando. Do speciale dum la ĵusaj sepdek jaroj, en Aŭstralio, mi faris nenion por krei senmilitan mondon. Mi nur babilis por paco, senutile. Mi hontas ne esti en malliberejo (kiel mia patro estis) pro pli forta laboro por paco.

Jes, mi por paco laboradis per Esperanto, kiun Zamenhof kreis por krei pacon en la mondo. Sed mia laboro por Esperanto, elde la jaro 1934, do por paco, estis nur babilado ĉar mi scias, ke eĉ se ĉiuj homoj estus Esperantistoj, la potencaj armilfabrikistoj Esperanton parolantaj ne permesus ke ni ne plu havu militojn. Imagu kiom da senlaboruloj la paco kreus! Almenaŭ tio estus ilia senkulpigo. Ili certe lernos tiun senkulpigon de niaj nunaj politikistoj. Kaj mi kaj multaj aliaj eĉ kredas ĉi tiun idiotaĵon. Ĉu Mussolini ne uzis Esperanton por reklami sian diktatorecon kaj siajn militojn?

Mi do hontas, (Bob dirus eĉ hontegas), kredi ke mia Esperanto-laboro povus krei senmilitan mondon. Mi kredas tion por kontentigi min mem ke mi faris ion por krei senmilitan mondon. Cetere, ĉu mi ne meritas tian militantan mondon se mi ne faras vere utilan agadon por krei senmilitan mondon? *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ekskurso antaŭ la Trilanda Kongreso en Bekasi



Malmulte da homoj - fakte, naŭ entute: unu novzelandano, tri hispanoj kaj kvin aŭstralianoj- renkontiĝis en la flughaveno de Jakarta la 23an de marto. Sekvan tagon Erlangga akompanis nin al Carita, urbeto okcidente de la ĉefurbo, en la regiono de Anyer.

Ni tranoktis tute apud la plaĝo en feriaj domoj, kie konstante vizitis nin ĉefe virinoj cele vendadon de memoraĵoj. Tio estis oportuno babili kun ili Bedaŭrinde pro la pluvo ni ne iris al akvofalo kiel planite. La vojo estos kota kaj glita laŭ Ari, nia gvidanto kaj prizorganto. Bonŝance la suno revenis por nia ekskurso al la fama vulkano Krakatao, kiun ni atingis per sur la ondoj saltanta ŝipo. Ĝi estis tute trankvila por akcepti nin, kvankam la lokanoj rakontas multnombrajn anekdotojn pri la danĝero kaj povo de tiu "monto". Ĝi nur enlasis iom da fumo kaj ne malhelpis ke ni grimpu ĝis certa alteco kaj poste ĉirkaŭu ĝin per boato. La plej bela parto de la ekskurso estis la naĝado kun tubo kaj masko por observi la multkolorajn fiŝojn kaj koralojn .



La sekva etapo estis al Sumur, urbeto pli okcidente, kie ni enboatiĝis por atingi la insulon Peŭcang, situanta en la nacia parko Ujung Kulon. Noktiĝis preskaŭ tuj post nia alveno. Ni vespermanĝis ekstere sub ŝirmilo en la kompanio de aproj kaj cervoj. La simioj restas iom for, inter si. La sekvan matenon ni promenis en la arbaro, renkontis kelkajn cervojn kaj pavojn. La plejparte ekstera radika sistemo de tiuj arboj estas tre impona.

Jam venis tempo pensi pri foriro al Bekasi por esti akurataj por la komenco de la kongreso.

Tamen ni haltis sur apuda insulo, Cidaon, por rigardi la pavojn kaj bovojn kaj sur pli fora insulo por vidi rinocerojn. Plia elreviĝo! La mediogardisto rifuzis enboatigi nin pro pluvo. Persone, mi tendencas pensi ke estis pro la horo . Li ĉesas sian laboron je la 5a kaj estis jam 4.30.



Ni atingis la hotelon Horison inter la 11a kaj noktomezo. La vojoj en Java povas esti en terure malbona stato aŭ la trafiko sur la aŭtovojo ne kredeble densa.

Post bona dormo, ni estis pretaj por la malfermo de la kongreso. *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto. Sesa ero



Nu, kion oni faras por konvinki la vendanton, ke mi povas pagi la dometon ? La bopatro de Børge, kiu estis asekuristo, sciis tion tre bonege. Mi asekuriĝis ĉe li, iris banken kun Børge, kaj prunteprenis, mi ne scias kiom da mono. Tiam la domo estis mia. Mi skribis al Audrey, ke mi jam aĉetis domon, kaj ke ŝi povos veni Danlanden kun la du knaboj. La nigra kato devis resti ĉe ŝia onklino, kompreneble. Oni ne rajtas enirigi nigrajn katojn en Danlando, da tiaj estas jam sufiĉe, estas tie ankaŭ multaj nigraj ŝafoj, la plej multaj en la registaro !

Audrey iris al Liverpool Street Station, kaj aĉetis la necesajn biletojn. Ŝi volis ŝipveturi de Harwich al Esbjerg, la anuso de Danlando, sed mi konsilis ke ŝi ne faru tion, ĉar vojaĝi sur la Okcidenta maro povas esti eĉ tre malsaniga, precipe kun du knabetoj. Ŝi do ŝipvojaĝis al Hoek van Holland, kaj aristokratis vagonare de tie al Kopenhago.

Mi estis petinta libernokton de mia gardistarestro, ĉar Audrey kaj du knaboj devis veni. Surprize li permesis tion, fakte mi trovis, ke la danaj estroj estas malpli malicaj ol la anglaj !

Børge kaj lia edzino venigis min al la ĉefstacidomo en Kopenhago per la aŭto de lia ĉefo. Venis la vagonaro de Hoek van Holland. Eliris unue la du knaboj. Ili estis tiom belege vestitaj, ke larmoj venis al miaj okuloj. Tiam eliris Audrey, kaj mia feliĉo estis finfine perfekta. Turnante min al Børge mi iom embarasiĝis, ĉar li fervore filmis nin, kaj tia homo li ankoraŭ estas, sed mi devas konfesi, ke ankaŭ mi tre ŝatas filmi !

Ni iris al Hvidovre. Tie staris nia dometo, malbele farbita. En la domo staris meblaro, tio estis malnovaj mebloj, kiujn Børge trovis jen kaj jen. Ĉar ni ja ne povis kunpreni kun ni meblojn el Anglujo, ni estis eĉ tre dankaj al li. Fluis akvo en la kuirejo kaj necesejo, funkciis la elektra lumo, sufiĉe granda ĝardeno ĉirkaŭis la domon, kaj ĉirkaŭis la ĝardenon alta dika heĝo. Ĉio ŝajnis kontentiga, kaj ni ne plendis.

Hejmen iris Børge kaj lia edzino. Ni eliris aĉetonte manĝaĵon, iris hejmen kaj kuiris, manĝis kaj lavis la manĝilaron. Fariĝis vespero, ni enlitigis la infanojn, kiuj ploris kaj kriegis, en Esperanto, ke ili ne plu volas esti en Danlando, sed ke ili volas iri hejmen. Mi provis klarigi al ili, ke tiu ĉi domo estas nia hejmo. Fine ili endormiĝis, kaj la postan tagon ili estis tre feliĉaj.

Unu semajnon poste ili flue parolis la danan !

Kvankam la domo estis mia, mi ankoraŭ ne pagis ĝin. Necesis tial perlabori eĉ pli da mono.

*Daŭrigota BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Lecionoj, Studoj, Legado, Muziko



**Duolingo.** Unu el la plej utilaj atingoj por Esperanto estas ke ĝi lerneblos per la ege ŝatata retejo Duolingo.. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online




Kurso de **Esperanto** - Main page http://www.kurso.com.br/index.php?en




**lernu**! - Learn **Esperanto** online. Live tutors, dictionary, books & music **lernu**.*net/*